




4/2000
Junio/Julio
Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.

| Enhavo | Editorajhoj |
|---|---|
| 1. Sentenco<br>2. Karaj legantoj<br>3. Nia programo<br>4. Europo en Hamburg - Hamburg en Europo Nia informstando sur la urbdoma placo 2000<br>5. Dumnokte kantis najtingaloj | Redaktofino de<br>Hamburg Esperanto<br>n-ro 5/00: 15-07-2000<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65<br><br>Prezidanto: Jürgen Wulff<br>http://www.juergenwulff.de<br><br>Redaktoro: Frank Merla<br>http://members.aol.com/MerlaFrank |
| La HES Klubejo estas malfermita Jhaude ek de 19:00 h.<br>Programo: 20:00 h.<br>GIS: kunvenoj laubezone;<br>Informoj:<br>Tel. (040) 58 71 82 au 39 19 44 14 | Das Haus des Esperanto Vereins Hamburg ist geöffnet donnerstags ab 19:00 Uhr.<br>Programm: 20:00 Uhr<br>GIS: Zusammenkünfte nach Bedarf;<br>Information:<br>Tel. (040) 58 71 82 oder 39 19 44 14 |

Chi-foje estas nur malgranda eldono de EHH.
Pro malsano de Frank denove mi redaktas nun.

*Benno Klehr*
Stormsweg 7
22085 Hamburg
Tel: 0 40-43 18 83 47

Enhavo

---

**Sentenco**

Ne povas la plej bona vivi en paco, kiam ne plachas al la malbona najbaro.

Germana proverbo

Enhavo

---

**Nia programo**

| Junio | Julio |
| --- | --- |
| **1 Che-Ellen-Ir-Tago**<br>15-18- h kafo kaj kuko kun gastoj de katolika Tago<br><br>**8** ***Klaus Friese:***<br>Acida pluvo super Europo<br><br>**16** ***Benno Klehr***<br>Lingvaj Ludoj<br><br>**17 Provleciono 14-17 h**<br><br>**22 Video:**<br>Mazi en Gondolando<br><br>**16** ***Hella Lanka***<br>Europ-Unia kongreso en Oostende | **6 sen speciala programo pro somera feria tempo**<br>**Gastoj chiam estas bonvenaj!**<br><br>**13 Gasto el Peruo:** ***Harald Helfgott*** **povos informi pri sia lando au pri sia fako: Elipsaj kurboj**<br><br>**20** ***Gerald Roemer:***<br>La urbo Barcelona<br><br>**27 Video:**<br>Mazi en Gondolando |
| **Augusto** | **Estrarkunsidoj** |
| **3 Preparoj por Du und Deine Welt (25.8.-3.9.)**<br><br>Bonvolu anoncighi helpantoj por ebligi standon en tiu grava ekspozicio! | ne okazas en ebura turo, sed en nia klubejo. Ili estas malfermaj al chiuj aktivuloj kaj aktivemuloj. Ne chiam estas eble anonci la datojn en tiu chi gazeto. Do, ne hezitu demandi estraranon au la redaktoron pri ili. Jen la dato de la venontaj estrarkunsidoj: 22.6. kaj 17.8. - 18 h |

Enhavo

---

**Europo en Hamburg - Hamburg en Europo**
**Nia informstando sur la urbdoma placo 2000**

Rapide pasis unu jaro. Post kutimaj preparoj ni renkontighis - kompreneble unu horon tro frue - en la jam konata loko. Chi-foje kun du novaj sun-ombreloj kaj nova tablo - kaj kun nova shtof-afisho: "Esperanto - interkromprenigho por nova jarmilo". Afable nin akceptis niaj jam konataj najbaroj de "Europa-Union", de politikaj partioj kaj virina organizo: "kie vi estis? Ni jam vane serchis vin." - Estas bona sento, audi ke oni sentas mankon, kiam Esperanto ne cheestas.

Dum diskutoj la Angla lingvo chiam estis nomata "mondlingvo", sed tiom certa ne montrighis tio. Post kelkaj demandoj homoj devis konfesi, ke per la Angla tamen ne chiam funkcias chio.

Ankau chi-jare la Festo de la Nacioj okazis samtempe kun la Naskightaga Festo de la Haveno. Do dum Dimancho ne estis multaj vizitantoj. Tamen ne estis senhoma Esperanto-stando: Ni babilis kun gastoj de la fervojistoj-Esperantistoj, kiuj venis de kunveno kaj pasante nin salutis amikoj de diversaj urboj.

Povas esti ke ni ne gajnis multajn novajn "lernantojn", sed por mi estas absolute grave, ke la Internacia Lingvo estas rigardata kiel tute normala kaj neniel ekzotika afero.

"*Chu ankorau ekzistas Esperanto?*" - "*Jes, pli forta ol antaue kaj pli grava ghi estas!*"

Hannelore Brunow

Enhavo

---

**Dumnokte lulkantis najtingaloj** (mallongigita)

Triopo el la regiono de Hamburg (Hannelore, Werner kaj mi) vizitis la naturamikan domon Üdersee en Brandenburgio. La domo situas sur granda natur-pejsagha tereno, tuj apud lago.

Kiam ni estis tie (je pasko), chiunokte ek de la 23a horo ghis frumatene kantis rekte antau niaj fenestroj najtingaloj. Neniam antaue mi travivis noktojn kun simile belaj lulkantoj!

Proksiman shiplevatoron Niederfinow vizitas chiujare 250.000 homoj. Ghi levas shipojn je 36 metroj.

La iama monahhejo Chorin el la 13a/14a jarcento estas baziliko trinava, kiun oni nomas "juvelo de brik-gotika arkitekturo". Somere tien venas konataj orkestroj kaj korusoj por celebri la faman "Muzik-Someron". En la naturamika domo Üdersee somere okazas "Muzik-Semajno" kun muzik- kaj kantgrupoj.

Karin Lencki

Enhavo

Re al Esperanto en Hamburg